Año IX (N.º 99)

Núm. 3

# Boletín

DE LA FEDERACION ESPERANTISTA ESPAÑOLA

MARZO 1957

PELAYO, 7

VALENCIA (ESPAÑA

# PRESENTE Y FUTURO

Si se sonríe a menudo ante las promesas halagüeñas del futuro, se pone en cambio, cara huraña al mirar de frente la fea realidad. Prosperan fácilmente los deportes de lucha personal y vegetan las nobles aspiraciones del arte. No es pues extraño que un astrónomo célebre y contemporáneo dijera, poco más o menos: «El progreso o éxito de las cosas está en relación inversa del esfuerzo mental que exigen». Son miles los espectadores, amigos y aficionados a los deportes ya llamados espectaculares. También las agrupaciones de matiz político arrastran por todo el mundo a la mayoría de las gentes; también las asociaciones puramente recreativas cuentan con muchos adeptos. El espíritu de los hombres es, en general, perezoso y pocos son los que se distraen con filosofías, escudriñando los secretos de la Naturaleza, buscando el por qué de las cosas... las causas del mal y sus posibles remedios, ante el torrente impetuoso de la vida.

Si hace dos mil años el cristianismo afirmó que los hombres todos son hermanos, e hizo de ello una ley moral, otros vieron mucho después, que sin un lenguaje común y neutral, bello y fácil, la mutua comprensión mundialmente resultaba difícil, y que la fraternidad podría resultar una quimera por falta de medios de realización. Unos y otros pertenecen a la minoría de idealistas, de filósofos o ilusos, de los únicos y—con ser muchos— muy pocos que se distraen con el esfuerzo del espíritu, que saben prescindir de muchas diversiones, que no necesitan falsos redentores, y se complacen obrando según los dictados de la razón y de la conciencia.

## Saluton en printempo al la kokeriko de frata kolego!

La kara samideanaro el la najbara portugala nacio fine sukcesis vivigi kaj daŭre aperigi belan revuon «Nia Stelo», kun elektita enhavo, en kiu harmonie rendevuas --proze kaj verse-- la sana humoro kaj alta fervoro de pasia popolo kun brava historio. Antaŭen, do, senhalte!

Somos, en todo el mundo, relativamente pocos los apóstoles del lenguaje común y fraterno; pero menos numerosos son los acérrimos contrarios de nuestro apostolado. La mayoría que sufre y se distrae no nos es hostil, muy al contrario; y si para ser competente hablador del Idioma Auxiliar Internacional bastara con inscribirse, recibir un carnet y pagar una modesta cuota, ya no nos sería necesario repetir las bondades del Esperanto, pues fuera ya patrimonio común. Por desgracia o por suerte, no podemos regalar ni vender saber alguno, y sólo puede gozar del uso de la lengua común, quien se esforzó en aprenderla. ESE ES EL OBSTÁCULO PRINCIPAL, MIENTRAS NO SE ENSEÑE EN LAS ESCUELAS, y el mejor tónico de sus defensores, pues nada vale lo que nada cuesta, y el entusiasmo toma su vida y su grandeza en el sacrificio hecho.

Decíamos que la realidad nos pone cara huraña; pero sonreímos ante las promesas del futuro, ante la cosecha que la semilla de la minoría debe producir en el terreno de los más. Sonreímos por la inmensidad de nuestra obra, por la convicción en nuestro ideal y por la satisfacción de cumplir un deber, que es una misión histórica: Poner en manos de todos los hombres un idioma común para que puedan ser mejores los unos con los otros: El Esperanto.

SALVADOR GUMÁ

# HISPANA KRONIKO

**LA LAGUNA.** En tiu universitata urbo de la kanaria insularo, Esperanto estas populare konata, dank' al la vigla kaj serioza agado de la tiea samideanaro, kiu sub la gvido de Prof. J. Régulo Pérez masonas fortan sciencan fundamenton por nia Movado, kiu pro tio gajnas prestiĝon kaj unuarangan kategorion.

Meze de pasinta Decembro, S-ro Régulo Pérez faris publikan prelegon pri la 10ª datreveno de la fondiĝo de UNESCO, kun ĉeesto de multenombra kaj klera publiko, kiu atente aŭskultis la klaran lecionon de nia samideano, lerte kaj trafe prezentinta la lingvajn malfacilaĵojn en la plej grava kultura internacia institucio. Kompreneble, li emfazis la signifon de la favora rezolucio pri Esperanto de tiu organizaĵo mem. Venis ĵurnalistoj, kiuj fotis kaj raportis en ampleksaj resumoj, aperintaj en du ĵurnaloj de Tenerife, la insula ĉefurbo. Dum tiu sama tago, sed antaŭ la prelego, S-ro Régulo faris la unuan lecionon de la kuranta lernojaro. Nun, la Universitato organizis du kursojn: unu por komencantoj, kiu elvolviĝas en Tenerife, kun 59 enskribitoj. kaj alia por progresantoj, kun 35 enskribitoj, en la Laguna. Por ambaŭ kursoj, la lecionoj okazas akurate dufoje ĉiusemajne.

# LA ĈARTO DE LA NOVA TERO

NI SUGESTAS, ke se ni ne juste traktas la teron ni ne povas vivi korpe; se ni ne juste traktas niajn proksimulojn ni ne povas vivi socie; kaj se ni ne traktas la «superan memon» juste ni ne povas vivi plene kiel individuoj.

Ni kredas, ke devas disvolviĝi pli ampleksa kompreno pri la vera interrilato inter ĉiuj vivoformoj, kun la celo atingi naturan ekvilibron inter mineraloj, vegetaĵoj, bestoj kaj homoj, ĉar la homo dependas ĉefe de la teraj vegetaĵoj por sin nutri kaj vesti. Por akiri nutraĵon, vestaĵon kaj ŝirmon sur ĉi tiu planedo, ni devas varti la teron kaj, aparte, ne malhelpi senmotive la naturan akvocirkuladon, ĉar tia malhelpo jam kaŭzis grandan grundoperdon de sur la tuta terglobo; kaj ni devas pro justeco redoni al la tero la forĵetaĵon de ĉio, kion ni prenas de la tero.

Ni sugestas, ke la akvo devas esti baza konsideraĵo en ĉiuj niaj naciaj kaj tutmondaj forŝtaj programoj; al fluoj kaj riveroj oni devas redoni la naturan movon; inundojn kaj senakvajon oni devas forigi. Arbaroj kaj arbarejoj intime rilatas kun biologia, socia kaj spirita bonstato.

La minimuma arbokovro por sekureco estas triono de la tuta tersurfaco. Ĉiu akvokapta regiono devus havi almenaŭ ĉi tiun proporcion de arbokovro, konsistanta el miksitaj specoj, inkluzive de larĝfoliaj arboj; unuspeca kulturo de kia ajn formo malutilas al la tero.

Ni kredas al la tradicia idealo, ke niaj kampoj devus esti «kampoj en arbaroj», kio signifas pejzaĝan kultivadon de ĉiu valo kaj ebeno, kun arbaroj en altaj lokoj, ŝirmaj zonoj, fruktarbejoj el miksitaj specoj kaj heĝaj arboj ĉie.

**Oni petas, ke Esperantistoj traduku la ĉi-supran ĉarton en la proprajn lingvojn (krom la anglan kaj francan lingvojn) kaj afable sendu la tradukojn al la Konsilantaro de la Homoj de la Arboj. Tiujn tradukojn oni intencas aperigi en la asocia gazeto «Trees and Life» (Arboj kaj Vivo) kun klarigo, ke oni ricevis la tradukojn pere de Esperanto.**

**Konsilantaro de la Homoj de la Arboj**
**The Firs-West End. Southampton (Anglujo)**

# INTERLINGVA PARALELO

## ORIGINALO

**Tal vez es la Medicina la carrera más noble de cuantas existen; casi es un oficio religioso. Visitar a los enfermos es una obra de caridad cristiana, y esta es la faena del médico. Precisamente, por este carácter fundamental de su profesión, es el médico el hombre que penetra más en la intimidad de las familias y el que más a fondo conoce las miserias humanas.**

De un artículo del publicista Dr. F. Alcayde Vilar.

## TRADUKO

Kredeble, la Medicino estas la kariero plej nobla el ĉiuj ekzistantaj; ĝi estas preskaŭ religia ofico. Viziti la malsanulojn estas ago de kristana karitato, kaj tia estas la tasko de kuracisto. Ĝuste, pro ĉi tiu fundamenta karaktero de sia profesio, la kuracisto estas homo, kiu plej ofte penetras en la intimecon de la familioj kaj plej funde konas la homajn mizerojn.

El artikolo de la publicisto D-ro F. Alcayde Vilar

# PREĜO DE INSTRUISTINO - de *Gabriela Mistral*

Omaĝe al la memoro de la fama ĵus mortinta sudamerika verkistino, ni aperigas tradukon de unu el ŝiaj belaj prozaĵoj

Sinjoro!

Vi, kiu instruis, pardonu, ke mi instruas, portante la nomon, kiun vi portis sur la Tero. (*)

Donu al mi sole nur amon por mia lernejo, por ke eĉ la brulvundo de la beleco ne estu kapabla rabi tenerecon en ĉiuj miaj momentoj.

Majstro! Faru al mi longedaŭra la fervoron kaj nedaŭra la senreviĝon. Forprenu de mi tiun malpuran deziron de justeco, kiu ankoraŭ malkvietigas min, kiel mizera ekmovo de protesto ĉe mi, kiam oni min vundas. Ne doloru min la nekompreneco, nek malĝojigu min la forgeso de tiuj, kiujn mi instruis.

Donu al mi la eblon esti pli patrina ol la patrinoj, por ke mi povu ami kaj defendi kiel ili tion, kio ne estas *karno el mia karno*. Donu al mi povon por fari el unu el miaj infaninoj la verson plej perfektan, lasante najlita en ŝi por Vi mian plej penetrantan melodion por la tago, kiam miaj lipoj ne kantos plu.

Montru ebla Vian Evangelion en mia tempo, por ke mi ne forlasu la ĉiutagan kaj ĉiuhoran batalon por ĝi...

Metu en mian demokratan lernejon la helon, kiu brilis sur Via ĥoro de nudpiedaj infanoj.

Fortigu min, eĉ en mia senvaloreco de mizera virino; faru min malŝatanta por ĉiu povo, kiu ne estas pura, por ĉiu premo, kiu ne estos tiu mem de Via volo, brulanta sur mia vivo.

Amiko! Akompanu min! Subtenu min! Multfoje nur Vi estos apud mi. Kiam mia doktrino estos plej ĉasta, kaj plej brulanta mia vero, mi restos sen akompano de la homoj; sed, tiam Vi prenos min ĉe Via koro, kiu tiom multe sciis pri soleco kaj forlaso. Mi serĉos en Via klara rigardo la dolĉecon de Via aprobo.

Donu al mi simplecon kaj donu profundecon. Evitu, ke mi estu komplika aŭ banala en mia ĉiutaga leciono. Faru, ke mi levu la okulojn el mia vundata brusto, kiam mi eniros ĉiumatene en mian lernejon. Ke mi ne kunportu al mia labortablo miajn malgrandajn materiajn klopodojn, miajn trivialajn ĉiutagajn ĉagrenojn...

Malpezigu mian manon en la puno, kaj mildigu ĝin pli kaj pli en la kareso. Ke mi riproĉu kun bedaŭro, por scii ke nur amante mi korektas.

Faru, ke mi faru el spirito mian lernejon el brikoj. Ke mia entuziasma fajrado envolvu ĝian malriĉan halon, ĝian nudan salonon. Mia koro estu kolono, kaj mia volo estu oro, pli ol la kolonoj kaj la oro de la riĉaj lernejoj.

Kaj, finfine, memorigu min, per la paleco de tiu pentraĵo de Velazquez, ke instrui kaj ami intense sur la Tero estas kvazaŭ veni al la lasta tago kun vundo, ĉe ambrulanta flanko, pro la lanco de Longino.

Tradukis **Amalia NUÑEZ DUBUS**

(*) La hispana vorto *Maestro* signifas egale Majstro kaj Instruisto.

# PRI LA SANGO

Rememorante la similecon ekzistantan inter kelkaj parencoj, la penso falis sur fiziologiajn konsiderojn. Tre ofte oni aŭdas, ke la sango karakterizas la familiojn; ke la gefratoj havas saman sangon; kaj oni ankaŭ parolas pri la sangalvoko.

Kiam oni studas la sangon el vidpunkto fiziologia, mi ne konsentas pri tio, se ne kiam escepte akazas duobla nasko. Ni scias perfekte, ke la sango ŝanĝiĝas ĉiam, kvankam la ĉefaj karakteroj ĉeestas; sed tiuj estas ankaŭ modifeblaj kaj multfoje variigas en tute la unuajn karakterojn gepatrajn. Tion oni povas konstati ĉe konataj personoj.

Tial ke la sango estas la plej determinanta fiziologia elemento de la cerbaj funkcioj kaj, laŭ la hispana sociologo Saldaña, «la plej spirita el ĉiuj elementoj», mi kredas, ke ĝi traportas la esencon familian. Sed ne forgesu, ke karaktero ne estas sama ol temperamento.

Sekvante la hispanan doktoron de itala deveno Gustavo Pittaluga, la temperamento kaj karaktero derivas ankaŭ de la kunmeto de la sango kaj estas la ĉefaj elementoj de la personeco; sed la dua estas kiel gvardisto de la unua, kiu ĉiam obeas blinde al la ĥemia formado de la sango. Do, oni ne devas paroli pri la egaleco de sango inter gefratoj, filoj kaj gepatroj, kredante, ke ambaŭ havas saman fluidon, tial ke eble la sango de unu estas taŭga por transpaso kaj la alia ne. — **GLADIO FERRAZ.**

# NOVA SUKCESO POR ESPERANTO EN AMERIKO

*En Montevideo, bela ĉefurbo de Urugvajo kaj brila nomo por la tutmonda esperantistaro, ĵus okazis (21-28 Januaro 1957) la 6.ª Amerika Kongreso de Edukistoj kun fruktodonaj debatoj kaj oportunaj decidoj. Rajtigite kiel Frateca Delegito (kvazaŭ observanto kun parolrajto) de Urugvaja Esperanto-Societo, oficiale ĉeestis nia kompetenta samideano kaj ŝatata amiko S-ro Manuel Fernández Menéndez, kiu klare argumentante kaj lerte parolante en la koncerna kunsido, sukcesis atingi unuaniman aprobon por la ĉi-suba teksto de favora rezolucio, kiu --plia ĉenero en jam longa ĉeno-- certe estas nova sukceso por Esperanto kaj kontentiga fakto por ĉiuj esperantistoj.*

**REZOLUCIO UNUANIME APROBITA DE LA 6.ª AMERIKA KONGRESO DE EDUKISTOJ**
**MONTEVIDEO 21-28 JANUARO 1957**

Konsiderante, ke, en la nuna stato de la civilizacio, estas necesega la enkonduko de neŭtrala lingvo por la internaciaj rilatoj; konsiderante, ke, kiel parolata lingvo, same kiel lingvo skribata, Esperanto pruvis per ne superebla maniero posedi la necesajn kvalitojn por servi kiel facila rimedo por interkompreniĝo inter ĉiuj popoloj de la mondo, kion oni povas konstati per la tutmonda disvolviĝo atingita de la nomita lingvo, kies plej alta elmontro de ĝiaj rimarkindaj progresoj evidentiĝis en la 1.ª Universala Ekspozicio de Esperanto, prezentita en la urugvaja ĉefurbo, antaŭ du jaroj; konsiderante, ke, pere de la rezolucio de la 8.ª Ĝenerala Konferenco de UNESKO, okazinta en Montevideo dum Novembro kaj Decembro 1954, ĉi tiu grava institucio de la Unuiĝintaj Nacioj agnoskis la valoron de Esperanto por siaj propraj celoj, tio estas: por la universala paco, same kiel por la edukado, la scienco kaj la kulturo: La 6.ª Amerika Kongreso de Edukistoj rekomendas al ĉiuj instruistoj kaj profesoroj la lernadon de la internacia lingvo Esperanto, pro ĝia granda utilo por la internaciaj rilatoj.

**RESOLUCION APROBADA POR UNANIMIDAD EN EL 6.º CONGRESO AMERICANO DE EDUCADORES**
**MONTEVIDEO 21-28 ENERO 1957**

**Considerando que, en el actual estado de la civilización es indispensable la adopción de un idioma neutral para las relaciones internacionales; considerando que, tanto en la lengua hablada como en la lengua escrita, el Esperanto ha demostrado de modo insuperable poseer las condiciones requeridas para servir como instrumento fácil de intercomprensión entre todos los pueblos de la tierra, lo que puede comprobarse por el desarrollo mundial alcanzado por dicho idioma, cuyo más alto exponente de sus notables progresos se evidenció en la 1.ª Exposición Universal de Esperanto, realizada en la capital uruguaya hace dos años; considerando que, por la resolución de la VIII Conferencia General de la UNESCO, celebrada en Montevideo en Noviembre y Diciembre de 1954, esta gran institución de las Naciones Unidas reconoció el valor del Esperanto para los propios fines de la misma, o sea: para la paz universal, así como para la educación, la ciencia y la cultura: El VI Congreso Americano de Educadores recomienda a todos los profesores y maestros el estudio del idioma internacional Esperanto, por ser de gran utilidad para las relaciones internacionales.**

---

Certe, ĉi tiu freŝa kaj grava dokumento meritas esti represata en ĉiuj hispanlingvaj fakgazetoj pri edukado. Jen do tasko, kiun ni proponas al ĉiuj instruistoj kaj edukistoj, membroj de nia Federacio, kiuj estas petataj nepre sendi al ni du ekzemplerojn de la koncerna gazeto kun la represaĵo.

**Oficialaj adresoj: Costa Rica, 20 - bajo A aŭ Apartado 19.029 - MADRID**

La nombro de aliĝintoj --inter ili pluraj eksterlandanoj-- alproksimiĝas al la unua cento. Espereble, de nun alfluos la aliĝoj laŭ kreskanta ritmo. Ĉiu hispana esperantisto devas konscii pri la eksterordinara graveco de la nunjara renkontiĝo, kiu certe estos brila krono por la daŭra dekjara funkciado de nia Federacio. Oni do klopodu nepre ĉeesti en amasa nombro por serioze kaj digne atesti, antaŭ la superaj aŭtoritatoj, ke la hispana samideanaro estas valora kaj sana branĉo en la fortika trunko de la tutmonda esperantismo. Ne atendu, ne hezitu plu! Aliĝu!!

Monon oni sendu nur per ĝiro aŭ poŝtmandato al «Congreso Nacional de Esperanto»:

**General Mola, 277 — Banco de Aragón — MADRID**

# Babiladeto pri apartaj aspektoj de nia kongresurbo

Vere, kiel jam dirite, Madrido estas granda urbo kun multe da belegaĵoj, laŭditaj de verkistoj kaj de ĉiaj artistoj. Tamen, kiel ĉiuj grandaj urboj, ĝi ankaŭ enhavas malbelaĵojn, kiuj, kvankam ne laŭdataj, estas cetere pli aŭ malpli konataj. Oni bone scias, ke ordinara loĝanto de granda urbo malmulte konas ĝin. Krom tio, koni urbon tiel grandegan, kiel Madrido, estas speciale malfacila tasko, ĉar Madrido --oficiala ŝtata ĉefurbo-- estas vole ne vole ia miksaĵo de multvaria lando. Ĉiuj hispanaj regionoj verŝas en la ĉefurbon amason da siaj homoj, kiuj post ne multaj jaroj *madridiĝas* laŭ maniero, ke ili sentas sin pli madridaj ol la *indiĝenoj* naskiĝintaj ĉi tie. El tio rezultas stranga fenomeno por la personoj, kiuj ne funde konas la vivon de la metropolo. Inter la veraj madridanoj, t. e. baptitaj en la ĉefurbo mem, oni trovas multajn, kies patro aŭ patrino ne naskiĝis en Madrido, ĉar geedziĝo inter efektivaj gemadridanoj estas malofta. Ĝenerale, madridaninoj edziniĝas al provincanoj (nomo iom ŝerca, kiun oni donas al venintoj el ĉiuj aliaj partoj aŭ provincoj de la lando) kaj provincaninoj al madridanoj. Legante ĉi tion, oni povus pensi, ke, pro tia miksado, la vera kaj tipa karaktero de nia urbego perdiĝis aŭ fakte neniam ekzistis; sed, tiel pensante, oni plene erarus, ĉar tia kunfandiĝo neniel difektas la purecon, koloron kaj spriton de tute karakterizaj madridaj kutimoj kaj vivmanieroj.

Por ni, esperantistoj, estas ege interese scii, ke sur la blazono de Madrido pompas sep steloj --kvinpintaj!!-- Mi ne estas urba kronikisto, sed iam mi legis, ke tiuj steloj simboligas en la blazono la sep montetojn, sur kiuj oni konstruis la urbon; mi ne scias, ĉu tio estas vera aŭ ne, sed ĉiuj povas kredi se mi diras, ke Madrido kuŝas sur altplataĵo kun kelkaj montetoj, kies deklivoj estas ankoraŭ rimarkeblaj, se oni promene piediras.

Oportune estas nun prezenti alian aspekton de la urbo: Marbordanoj mokas je nia modesta urba rivero Manzanares; vere ja ĝi ne estas la mediteranea maro, oni pravas pri la malgrandeco de ĝia fluejo, sed malgrandeco ne ekskludas la gravecon. Nia malgranda rivereto taŭgis, kiel fono, por diversaj pentraĵoj de fama tutmonde konata pentristo Goya, kiu kvankam ne madridano (li naskiĝis en aragona vilaĝeto) daŭre loĝis en Madrido, kaj preskaŭ ĉiuj liaj plej gravaj verkoj rilatas al nia urbo. Cetere, se oni ŝercas pri la ekstera aspekto de nia rivero pro ĝia mizera fluo, oni falas en eraron, ĉar se ĉi tiu *rivero-lernanto* volus, ĝi povus esti same granda, kiel la plej gravaj riveroj. Modesteco estas bona kvalito ĝia... tial, por ne malgrandigi la famon de aliaj, ĝi kaŝas sian akvon sub la teron, por ke neniu --eĉ la madridanoj-- konu ĝian veran grandecon. Tamen, malgraŭ tiel ruza kaŝiteco, oni bone scias nun, ke sub la urbo fluas rivero multe pli larĝa ol la supra. Mi diru aldone, ke pli granda rivero ne estas necesa, ĉar tiel oni evitos zorgojn al nia urbestraro, kiu promesis aranĝi laŭlonge de la rivero, en pluraj kilometroj, belajn ĝardenojn kaj --pere de oportunaj kluzoj-- malgrandetajn marojn, tra kiuj povos gracie veturi boatoj kaj barkoj.

Kompreneble, tiu projekto estas grandioza, sed tro frue estas ankoraŭ por difini la daton de ĝia efektiviĝo. Estu certaj, ke post inaŭguro de tia mirindaĵo, ne mankos samideana invito por konvena vizito. Pacienco devas regi por ĉio; kaj ni, la madridaj esperantistoj, esperplene scias atendi, sciante krome, ke nia impona urbo staras sur montetoj. kies firmeco estas iomete malfortigita de subtera rivero. Jen do Madrido, gaja geografia hispana centro, kie harmonias, en kurioza miksaĵo, tero kaj akvo, tipismo kaj kosmopolitismo de iama vilaĝeto, kiu estas nun impona metropolo, kie *indiĝenoj* kaj *provincanoj* disvolvos la veluron de sia ĉarma efektiva simpatio, por afable kaj gastame akcepti vin en propran medion, okaze de la 18ª Hispana Kongreso de Esperanto.

J. LOPEZ HERRERO

*Inter la formo, kiel la homoj efektive agas, kaj tiu per kiu ili devus agi, estas granda diferenco, kies ignoro estas kaŭzo de grandaj domaĝoj.*

MAQUIAVELO

## LA AKVO KAJ LA TERO

**Fablo de Leonardo de Vinci**

La akvo ne estis sufiĉe kontenta en la natura elemento de aroganta maro. Ĝi deziris iri supren tra la aero. Kun la helpo de alia elemento, la fajro, ĝi fariĝis vaporo tiel subtila, kiel la aero mem. Irante supren, ĝi atingis regionon, kie la fajro forlasis ĝin, kaj tiam la vaporo transformiĝis en hajlon, kiu pro la pezo tuj reiris malsupren. Ĝi do falis de la ĉielo kaj estis rapide sorbita de soifanta tero, en kies interno la akvo devis restadi longan tempon, en pentofarado, pro sia peko.

## EL LA LETEROJ DE NIAJ KORESPONDANTOJ

### LA ILUMINADO DE ESSEN

La 19. Novembro 1956. komenciĝis la lumsemajnoj. En la rejnlanda-vestfalia elektra centro, ĉe Kettwiger-strato, je la 17'30 horo, la ĉefurbestro de Essen premis destinitan butonon kaj tuj Essen ekbrilis per grandioza iluminado de 60.000 ampoloj. La iluminado simboligis la tiel nomatajn «Orientajn noktojn». La stratoj aspektis kvazaŭ fabeloj el «Mil kaj unu noktoj». Tiu fantazio daŭris ĝis la 1.ª de Januaro 1957. Nur estis escepta tago la 21. Novembro, dato pie konsiderata kiel pentofar- kaj preĝtago; tial, la urbo ne estis lumigata.

**ELISABETH SLEZAK**
**Essen (Germanio)**

*Ni naskiĝis por helpi unu la alian, kiel la piedoj kaj la manoj.*

MARCO AURELIO

## SFINKSA ANGULETO

### LA STANGO

En la centro de kvadrata baseno, kies lateroj estas 10 metrojn longaj, fiksiĝis stango, kies pinto leviĝas unu metron super la akvonivelo. Se oni klinas la stangon al la bordo, la pinto atingas precize la mezon de unu latero de la baseno. Kiun profundon havas la akvo?

Ni akceptos solvojn ĝis 20. Aprilo. Ĉiu sendinto de ĝusta solvo gajnos tri poentojn.

**SOLVO PRI LA LERNANTOJ KUN PREMIO EN LA PASINTA NUMERO**

**6 lernantoj ricevis premion. La instruisto havis komence 20 krajonojn kaj 20 plumojn.**

## SPRITAJ DIALOGOJ

—Ĉu vi perdis la monujon?
—Tute ne! Jen ĝi estas.
—Nu, bonvolu prunti al mi cent pesetojn...

—

—Mi laboris, kiel detektivo, dum multe da jaroj. Pro tio mi estas malfacile trompebla; mi ne fidas eĉ mian patron.
—Kompreneble, ĉar neniu konas vian familion tiel bone, kiel vi mem.

—

—Dankon pro la teo, sinjorino, ĝi bone gustis kiel kafo...
—Ho, tamen ĝi estis ĉokolado!...

## SCIU VI, KE...

Normala infano devas paroli jam tute klare, kiam ĝi atingas tri jarojn kaj duonon.

Kvin sesonoj el la plena pezo de la homa korpo konsistas el karbono kaj akvo.

*La geedzeco devenas el amo, kiel la vinagro devenas el vino*

LORDO BYRON

En la nuna jaro la kongreso de Kristana Esperantista Ligo Internacia okazos tuj post la U. K. De la 10ª ĝis la 17ª de Aŭgusto, KELI-anoj, simpatiantoj kaj interesiĝantoj venos al la fama Kastelo «Münchenwiler» proksime de la urbeto Murten, en la belega okcidenta montparto de Svislando. Krom la gravaj kaj diskutendaj temoj, kies gvidlinioj estas en la moto *La kristano en la mondo*, la organizantoj kompilis allogan programon. Ekskursoj, distraĵoj, renkontiĝoj k. t. p. apartenas al nia kongreso!

Informoj kaj aliĝiloj estas akireblaj ĉe:

**S-ro F. Liechti, Wallisellenstrasse 429 — Zürich - 50 (Svislando)**




**¿SABE USTED ESPERANTO?** de Jorge Hess
Eldono de Argentina Esperanto-Ligo. Castelli, 265, Buenos Aires. 157 paĝoj.
Prezo: 40 pesetoj ĉe la hispana Libro - Servo.

Laŭ antaŭparolo de la verko, presita sur tre bona papero, ĉi tiu lernolibro venas anstataŭi la elĉerpitan verkon de D-ro Szilágyi. CURSO PRÁCTICO DE ESPERANTO.

En ambaŭ libroj la sistemo estas tre simila. Dudek lecionoj kun dialoga teksto lerte kombinita; belaj desegnaĵoj faciligas la komprenadon. Mallongaj vortaroj troviĝas en ĉiu leciono; kaj, post ili, la gramatika parto, sub titolo: «La instruisto parolas». En tiu lasta parto, laŭ mia vidpunkto, la gramatikaj reguloj aperas tro miksitaj: adverboj, prefiksoj, prepozicioj k. t. p., kio povas malhelpi la lernadon.

Ni estas certaj, ke ĉi tiu lernolibro bone helpos la disvastigadon de nia kara helplingvo tra la hispanparolantaj landoj.

R. MOLERA

---

**LA KULTURA VALORO DE LA INTERNACIA LINGVO.** — Parolado de D-ro Ivo Lapenna en gramofondisko, kun 45 rondiroj po minuto. Eldono de U. E. A. Rotterdam. Prezo, kun la teksto: 60 pesetoj ĉe nia Libro - Servo.

Kiam ĉi tiu gramofondisko venis en miajn manojn, ankoraŭ mi dubis pri la valoro de ĝia enhavo, kaj ankaŭ pri ĝia komprenebleco. Tial, mi kunvenis kun kelkaj samideanoj por aŭskulti ĝin, kiel eble plej atente. Ni ĉiuj staris antaŭ la gramofono; neniu volis sidiĝi, sed kiam la disko ekturniĝis kaj la klara voĉo de D-ro Lapenna aŭdiĝis... niaj vizaĝoj ridetis plaĉe. Eĉ komencanto diris: kia agrabla voĉo! Mi ne ŝatas flati, tio neniam plaĉis al mi, sed kiam mi vidas ion, kio vekas admiron ĉe mi, tiam mi dubas nek momenton sciigi al ĉiuj la meritojn kaj bonajn kvalitojn de tio, kio --almenaŭ al mi-- liveris miron kaj admiron.

Sekve, kun profunda ĝojo, mi diras, ke la parolado de D-ro Lapenna, en disko gramofona, estas ja aŭskultinda kaj aĉetinda, ĉar ĝi estas instrua, konvinkiga kaj agrabla. Atente aŭskultante ĝin, oni tiras la konsekvencon, ke nia laboro devas esti ĉiam unueca, ke Esperanto estas ege belsona kaj ke ĝi estas jam, sen ia dubo, plentaŭga kultura lingvo.

R. ALBERO

**LA SAIIN-MONAĤEJO DE AMO.** Verketo de Kotohiko Macubara. Eldono de Amo-Akademio: Tenmori, Kózóji, Higasikasugai-Aiĉiken (Japanio), 31 paĝoj el glazurita papero, ilustritaj per naŭ fotoj kaj muziknotoj. Prezo: 5 respondkuponoj, rekte mendebla ĉe la eldonejo.

Jen libreto, kun alta morala enhavo, el tre interesa kolekto pri orienta filozofio. La Saiin-Monaĥejo estas centro de supera skolo kun profundaj principoj pri Filozofio, Scienco kaj Arto, kiel vera religio por purigita tipo de Verhomo, kiu, laŭ tiaj principoj, devas esti pura, virta kaj nobla. La Societo de Verhomoj laboras por siaj celoj per praktikado de loga programo:

Interamikiĝo kun plej diversaj popoloj de la mondo. Pilgrimoj al diversaj sanktaj lokoj en- kaj eksterlandaj. Interŝanĝo de gestudentoj. Preĝa kunvenado. Esplorkunveno pri la Sanktaj Skriboj. Ekzercado pri sanktaj kantoj. Kultura interŝanĝo kun diversaj landoj: Manuskriptoj, libroj, gazetoj, ĵurnaloj, poŝtmarkoj, bildkartoj, desegnaĵoj, pentraĵoj, fotoj, popolkantoj... k. t. p. Kun studo kaj lernado de naciaj lingvoj, inter kiuj digne troviĝas nia kara Esperanto en sia rolo de internacia ligilo por idealoj, en kiuj alte pompas superaj principoj de intergenta konkordo.

Ne estas necese do aldoni komentarion, ĉar la antaŭa listo per si mem konsistigas laŭdindan taskon de humanisma doktrino, kiu en ĉi tiu bela broŝuro sin turnas nun al la tutmonda esperantistaro. Interesuloj povas ricevi pli detalajn informojn, se ili rekte petas tion laŭ la supra adreso de Amo-Akademio.

JAIME ARAGAY

---

BROŜUROJ KAJ PROSPEKTOJ PRI TURISMO

TERMOJ DE MONTECATINI. Pri la fama saniga itala banloko. — Adreso: Direzione Terme. — Montecatini-Terme. (Pistoia) Italio.

VOJAĜO AL LA PASINTECO. Pri la aŭtomobil-historia muzeo de la fama firmao Mercedes-Benz. — Trafikoficejo de Stuttgart. Banhofplatz 1 (Germanio).

AUTO-PRAMŜIPO. Danujo-Norvegujo. A/S Larvik - Frederikshaven - Ferjen. — Poŝtboks 2443. Oslo (Norvegio).

LA FLUGANTA HOLANDANO. K. L. M, Bela prospekto pri la fama Reĝa Nederlanda Aerkompanio.

Havebla ĉe la oficejoj de K. L. M.

**Ideoj flugas kiel birdoj en la neston de la kapo. Tamen... ho, tre bedaúrinde, pro niaj reduktitaj financoj, ili ne povas preni korpon de bela efektiva materio, almenaŭ ne tiel same nature kiel multaj birdoj, kiuj tute senpage sin garnas per tufoj de plej brilkoloraj plumoj. Sed, praktike uzante la sencon de populara sentenco, mia venonta numero —kun la cifero 100 sur la frontono!— estos eksterordinara, por digne celebri la eventon —kun falbaloj de soleno kaj lampionoj de kermeso— ke jam dum cent monatoj mi vivas pruvante, ke oni pravas, kiam oni asertas, ke multe pli faras tiu, kiu volas, ol tiu, kiu povas...**



## TESORERIA

Según los números asignados a cada uno de los contribuyentes para el fondo Pro-Administración, nuestro redactor don Luis Hernandez ha sido agraciado con 250 pesetas. por coincidir uno de sus números --el 97-- con las dos cifras finales del primer premio, en el sorteo de la Lotería Nacional, del día 25 de Febrero, que correspondió al número **40697**.

---

Je la aĝo de 73 jaroj, S-ro Johano Blanch Guerrero, malnova samideano el Barcelono, direktoro-administranto de la teknika hispanlingva revuo LA GOMA, forpasis la 13an de pasinta Decembro. Dank' al lia bonvolo, en tiu vere luksa gazeto, kiu pri kaŭĉuko unue aperis en Hispanio, oni regule okupis du aŭ tri paĝojn por ampleksa Esperanto-fako, kun bonegaj tekstoj en hispana kaj esperanta lingvoj, kiuj meritis laŭdojn de la plej superaj instancoj de nia Movado; ankaŭ estis en preparo oportuna kurso en tiu revuo mem, sed la rigora Parco malebligis al li la plenumon de tiel bonaj deziroj.

Al lia filo, S-ro Armando Blanch, ni esprimas nian sinceran kondolon, ĉar la nomo de lia kara patro funde fiksiĝis en nia memoro, kiel glora nomo de modele honesta homo kaj praktika idealisto.

—

La 10an de Februaro mortis en la aĝo de 82 jaroj nia fervora samideano Antono Costajussá Vilardell, el la rondo de Sabadell, plurfoja komitatano de la iama Esperanto-Grupo APLECH. Li havis la ŝancon persone saluti D-ron Zamenhof, pri kio li ĝojis detale rakonti. Dum la Kongreso en Valencio, li bele parolis en la bankedo, kiam li gajnis artan Esperanto-ventumilon.

Ni gardu pian respekton al lia memoro!

---

***Por helpi la aperon de la venonta numero 100 kun 16 paĝoj, la nuna kajero aperas 8-paĝe***

# PARA NUESTRO BOLETIN

(Donativos correspondientes a MARZO 1957)

| | | |
|---|---|---|
| Suma anterior | 967 | Ptas. |
| F. Lledó - El Ferrol | 5 | » |
| J. Clement - Valencia | 5 | » |
| J. Palanca - Valencia | 5 | » |
| V. Fernández - Barcelona | 5 | » |
| J. Armadans - Moyá | 5 | » |
| P. Naranjo - Jerez de a Frontera | 5 | » |
| D. Cebollero - Zaragoza | 5 | » |
| T. Gabardós - Alcover | 5 | » |
| R. Jovani - Barcelona | 10 | » |
| C. Olalla - Bilbao | 10 | » |
| R. Ayala - Barcelona | 10 | » |
| M. Maynar - Zaragoza | 10 | » |
| J. Orós - Zaragoza | 10 | » |
| G. A. Cortés - Daroca | 10 | » |
| J. Lerroux - Barcelona | 10 | » |
| Total | 1.077 | » |

*No está mal; no está mal. Pero...*

---

## GRAVA INFORMO!

En la plej granda vesperjurnalo «Aftonbladet» de Svedio oni publikigas senpage korespondpetojn de eksterlandaj korespondemuloj. Tial do, ni petas la nesvedajn esperantistojn, kiuj dezíras korespondi kun svedoj, sendi *rekte* al la menciita ĵurnalo sian korespondpeton.

Adreso: Ett ögonblick redaktörn,
AFTONBLADET Vattugatan, 12
Stockholm 1 (Svedio)

---

## NOVA GAZETO

Sub la titolo NUNTEMPA BULGARIO aperis nova granda monata revuo, riĉe ilustrita kaj presita sur luksa papero. Ĝi estas gazeto pri la bulgara popolo, pri ties arto, kulturo kaj literaturo. Ĉiu kajero enhavas rakontojn, sportrubrikojn, filatelan angulon, spritaĵojn kaj esperantajn novaĵojn.

Formato 21 x 26. 32 paĝoj.

Jarabono 40 pesetoj. Sendu vian abonon al S-ano Alfredo Santacana

**San Antonio, 38 Vich (Barcelona)**

PERIS - GRAN VIA M. TURIA, 28 - VALENCIA